


ELDONO FLANDRA-HOLANDA

L. L. ZAMENHOF

# Fundamento de Esperanto

(Fundament van Esperanto)

TRADUKITA
de
FRANS SCHOOFS

*Dua korektita eldono*



ANTVERPENO
BELGA ESPERANTO - INSTITUTO
Koopera Societo
Kleine Hondstraat, 11
1929




ELDONO FLANDRA-HOLANDA

L. L. ZAMENHOF

# Fundamento de Esperanto

(Fundament van Esperanto)

TRADUKITA
de
FRANS SCHOOFS
Diplomita Profesoro de Esperanto
Fondinto kaj Honora Prezidanto de la Antverpena Grupo
« La Verda Stelo »,
Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista
Kunfondinto kaj Direktanto de « Belga Esperantisto »
Membro de la Organizaj Komitatoj
de la 7-a kaj 20-a Internaciaj Kongresoj de Esperanto.

ANTVERPENO
BELGA ESPERANTO - INSTITUTO
Koopera Societo
Kleine Hondstraat, 11
1929

Voor Esperantische woordenboeken, leer- en leesmateriaal,

Voor uwe aansluiting bij een plaatselijke Esperanto-groep, of bij den Belgischen Esperanto-Bond,

Voor inschrijving op het maandschrift *Belga Esperantisto* en andere Esperantische bladen en tijdschriften,

Voor het inrichten van voordrachten over Esperanto,

Voor lessen van Esperanto per briefwisseling,

Voor privaatlessen in Esperanto,

Voor alle inlichtingen betreffende de internationale hulptaal,

WENDE MEN ZICH TOT :

# Belga Esperanto-Instituto

Samenwerkende maatschappij

**Kleine Hondstraat, 11**

**ANTWERPEN**



Telefoon : 943.74 Postcheckrekening : 1689.58

AL LA MEMORO

DE LA BEDAŬRATA GENIA AŬTORO DE ESPERANTO

DOKTORO L. L. ZAMENHOF

(1859-1917)

PLEJ KORE DEDIĈAS ĜI TIUN MODESTAN TRADUKAN LABORON

LA TRADUKINTO

FRANS SCHOOFS.

Mi plenumas agrablan devon, publike dankante mian samideanon S-ron J. L. Bruijn ('s-Gravenhage), pro lia afabla kunlaboro. Dank' al lia revizio, la nova eldono de la Fundamento trafos sian celon inter la holandanoj same kiel inter la flandroj.

LA TRADUKINTO.

# ANTAŬPAROLO

Por ke lingvo internacia povu bone kaj regule progresadi kaj por ke ĝi havu plenan certecon, ke ĝi neniam disfalos kaj ia facilanima paŝo de ĝiaj amikoj estontaj ne detruos la laborojn de ĝiaj amikoj estintaj, — estas plej necesa antaŭ ĉio unu kondiĉo : la ekzistado de klare difinita, neniam tuŝebla kaj neniam ŝanĝebla **Fundamento** de la lingvo. Kiam nia lingvo estos oficiale akceptita de la *registaroj* de la plej ĉefaj regnoj kaj tiuj ĉi registaroj per speciala *leĝo* garantios al Esperanto tute certan vivon kaj uzatecon kaj plenan sendanĝerecon kontraŭ ĉiuj personaj kapricoj aŭ disputoj, tiam aŭtoritata komitato, interkonsente elektita de tiuj registaroj, havos la rajton fari en la fundamento de la lingvo unu fojon por ĉiam ĉiujn deziritajn ŝanĝojn, *se* tiaj ŝanĝoj montriĝos necesaj ; sed *ĝis tiu tempo* la fundamento de Esperanto devas plej severe resti absolute senŝanĝa, ĉar severa netuŝebleco de nia fundamento estas la plej grava kaŭzo de nia ĝisnuna progresado kaj la plej grava kondiĉo por nia regula kaj paca progresado estonta. *Neniu persono kaj neniu societo devas havi la rajton arbitre fari en nia Fundamento iun eĉ plej malgrandan ŝanĝon !* Tiun ĉi tre gravan principon la esperantistoj volu ĉiam bone memori kaj kontraŭ la

ektuŝo de tiu ĉi principo ili volu ĉiam energie batali, ĉar la momento, en kiu ni ektuŝus tiun principon, estus la komenco de nia morto.

Laŭ silenta interkonsento de ĉiuj esperantistoj jam de tre longa tempo la sekvantaj tri verkoj estas rigardataj kiel fundamento de Esperanto : 1) La 16-regula *gramatiko*; 2) la « *Universala Vortaro* »; 3) la « *Ekzercaro* ». Tiujn ĉi tri verkojn la aŭtoro de Esperanto rigardadis ĉiam kiel *leĝojn* por li, kaj malgraŭ oftaj tentoj kaj delogoj li neniam permesis al si (almenaŭ *konscie*) eĉ la plej malgrandan pekon kontraŭ tiuj ĉi leĝoj; li esperas, ke pro la bono de nia afero ankaŭ ĉiuj aliaj esperantistoj ĉiam rigardados tiujn ĉi tri verkojn kiel la solan leĝan kaj netuŝeblan fundamenton de Esperanto.

Por ke ia regno estu forta kaj glora kaj povu sane disvolviĝadi, estas necese ke ĉiu regnano sciu, ke li neniam dependos de la kapricoj de tiu aŭ alia persono, sed devas obei ĉiam nur klarajn, tute difinitajn fundamentajn *leĝojn* de sia lando, kiuj estas egale devigaj por la regantoj kaj regatoj kaj en kiuj neniu havas la rajton fari arbitre laŭ persona bontrovo ian ŝanĝon aŭ aldonon. Tiel same, por ke nia afero bone progresadu, estas necese, ke ĉiu esperantisto havu la plenan certecon, ke leĝdonanto por li ĉiam estos ne ia *persono*, sed ia klare difinita *verko*. Tial, por meti finon al ĉiuj malkompreniĝoj kaj disputoj, kaj por ke ĉiu esperantisto sciu tute klare, per kio li devas en ĉio sin gvidi, la aŭtoro de Esperanto decidis nun eldoni en formo de unu libro tiujn tri verkojn, kiuj laŭ silenta inter-

konsento de ĉiuj esperantistoj jam de longe fariĝis fundamento por Esperanto, kaj li petas, ke la okuloj de ĉiuj esperantistoj estu ĉiam turnataj ne al li, sed al *tiu ĉi libro*. Ĝis la tempo, kiam ia por ĉiuj aŭtoritata kaj nedisputebla institucio decidos alie, ĉio, kio troviĝas en tiu ĉi libro, devas esti rigardata kiel deviga por ĉiuj; ĉio, kio estas kontraŭ tiu ĉi libro, devas esti rigardata kiel malbona, se ĝi eĉ apartenus al la plumo de la aŭtoro de Esperanto mem. Nur la supre nomitaj tri verkoj publikigitaj en la libro « Fundamento de Esperanto », devas esti rigardataj kiel oficialaj; ĉio alia, kion mi verkis aŭ verkos, konsilas, korektas, aprobas, k. t. p., estas nur verkoj *privataj*, kiujn la esperantistoj — se ili trovas tion ĉi utila por la unueco de nia afero — povas rigardadi kiel *modela*, sed ne kiel *deviga*.

Havante la karakteron de *fundamento*, la tri verkoj represitaj en tiu ĉi libro devas antaŭ ĉio esti *netuŝeblaj*. Tial la legantoj ne miru, ke ili trovos en la nacia traduko de diversaj vortoj en tiu ĉi libro (precipe en la angla parto) tute nekorektite tiujn samajn *erarojn*, kiuj sin trovis en la unua eldono de la « Universala Vortaro ». Mi permesis al mi nur korekti la *preserarojn*: sed se ia vorto estis erare aŭ nelerte *tradukita*, mi ĝin lasis en tiu ĉi libro tute senŝanĝe; ĉar se mi volus plibonigi, tio ĉi jam estus *ŝanĝo*, kiu povus kaŭzi disputojn kaj kiu en verko fundamenta ne povas esti tolerata. *La fundamento devas resti severe netuŝebla eĉ kune kun siaj eraroj.* La *erareco* en la nacia traduko de tiu aŭ alia vorto ne prezentas grandan malfeliĉon,

ĉar, komparante la kuntekstan tradukon en la aliaj lingvoj, oni facile trovos la veran sencon de ĉiu vorto; sed senkompare pli grandan danĝeron prezentus la *ŝanĝado* de la traduko de ia vorto, ĉar, perdinte la severan netuŝeblecon, la verko perdus sian eksterordinare necesan karakteron de dogma fundamenteco, kaj, trovante en unu eldono alian tradukon ol en alia, la uzanto ne havus la certecon, ke mi morgaŭ ne faros ian alian ŝanĝon, kaj li perdus sian konfidon kaj apogon. Al ĉiu, kiu montros al mi ian nebonan esprimon en la Fundamenta libro, mi respondos trankvile : « jes, ĝi estas eraro, sed ĝi devas resti netuŝebla, ĉar ĝi apartenas al la fundamenta dokumento, en kiu neniu havas la rajton fari ian ŝanĝon. »

La « Fundamento de Esperanto » tute ne devas esti rigardata kiel la plej bona lernolibro kaj vortaro de Esperanto. Ho, ne! Kiu volas *perfektiĝi* en Esperanto, al tiu mi rekomendas la diversajn lernolibrojn kaj vortarojn, multe *pli bonajn* kaj *pli vastajn*, kiuj estas eldonitaj de niaj plej kompetentaj amikoj por ĉiu nacio aparte kaj el kiuj la plej gravaj estas eldonitaj tre bone kaj zorgeme, sub mia persona kontrolo kaj kunhelpo. Sed la « Fundamento de Esperanto » devas troviĝi en la manoj de ĉiu bona esperantisto kiel konstanta *gvida dokumento*, por ke li bone ellernu kaj per ofta enrigardado konstante memorigadu al si, kio en nia lingvo estas oficiala kaj netuŝebla, por ke li povu ĉiam bone distingi la vortojn kaj regulojn *oficialajn*, kiuj devos troviĝi en ĉiuj lernoverkoj de Esperanto, de la vortoj kaj reguloj rekomendataj *private*

kiuj eble ne al ĉiuj esperantistoj estas konataj aŭ eble ne de ĉiuj estas aprobataj. La « Fundamento de Esperanto » devas troviĝi en la manoj de ĉiu esperantisto kiel konstanta *kontrolilo*, kiu gardos lin de deflankiĝado de la vojo de unueco.

Mi diris, ke la fundamento de nia lingvo devas esti absolute netuŝebla, se eĉ ŝajnus al ni, ke tiu aŭ alia punkto estas sendube erara. Tio ĉi povus naski la penson, ke nia lingvo restos ĉiam rigida kaj neniam disvolviĝos.... Ho, ne! Malgraŭ la severa netuŝebleco de la fundamento, nia lingvo havos la plenan eblon ne sole konstante riĉiĝadi, sed eĉ konstante *pliboniĝadi* kaj *perfektiĝadi*; la netuŝebleco de la fundamento nur garantios al ni konstante, ke tiu perfektiĝado fariĝados ne per arbitra, interbatala kaj ruiniga *rompado* kaj *ŝanĝado*, ne per nuligado aŭ sentaŭgigado de nia ĝisnuna literaturo, sed per vojo *natura*, senkonfuza kaj sendanĝera. Pli detale mi parolos pri tio ĉi en la Bulonja kongreso; nun mi diros pri tio ĉi nur kelkajn vortojn, por ke mia opinio ne ŝajnu tro paradoksa :

1) *Riĉigadi* la lingvon per novaj vortoj oni povas jam *nun*, per konsiliĝado kun tiuj personoj, kiuj estas rigardataj kiel la plej aŭtoritataj en nia lingvo, kaj zorgante pri tio, ke ĉiuj uzu tiujn vortojn en la sama formo; sed tiuj ĉi vortoj devas esti nur rekomendataj, ne altrudataj; oni devas ilin uzadi nur en la *literaturo*; sed en korespondado kun personoj *nekonataj* estas bone ĉiam peni uzadi nur vortojn el la « Fundamento », ĉar nur pri tiaj vortoj ni povas esti certaj, ke nia adresato ilin nepre trovos en sia vortaro. Nur

iam poste, kiam la plej granda parto de la novaj vortoj estos jam tute matura, ia aŭtoritata institucio enkondukos ilin en la vortaron *oficialan*, kiel « *Aldonon al la Fundamento* ».

2) Se ia aŭtoritata centra institucio trovos, ke tiu aŭ alia vorto aŭ regulo en nia lingvo estas *tro neoportuna*, ĝi ne devos *forigi* aŭ *ŝanĝi* la diritan formon, sed ĝi povos proponi formon *novan*, kiun ĝi rekomendos uzadi *paralele* kun la formo malnova. Kun la tempo la formo nova iom post iom elpuŝos la formon malnovan, kiu fariĝos *arĥaismo*, kiel ni tion ĉi vidas en ĉiu natura lingvo. Sed, prezentante parton de la *fundamento*, tiuj ĉi arĥaismoj neniam estos elĵetitaj, sed ĉiam estos presataj en ĉiuj lernolibroj kaj vortaroj samtempe kun la formoj novaj, kaj tiamaniere ni havos la certecon, ke eĉ ĉe la plej granda perfektiĝado la unueco de Esperanto neniam estos rompata kaj neniu verko esperanta eĉ el la plej frua tempo iam perdos sian valoron kaj kompreneblecon por la estontaj generacioj.

Mi montris en *principo*, kiamaniere la severa netuŝebleco de la « Fundamento » gardos ĉiam la unuecon de nia lingvo, ne malhelpante tamen al la lingvo ne sole riĉiĝadi, sed eĉ konstante *perfektiĝadi*. Sed en la *praktiko* ni (pro kaŭzoj jam multajn fojojn priparolitaj) devas kompreneble esti *tre singardaj* kun ĉia « perfektigado » de la lingvo : a) ni devas tion ĉi fari ne facilanime, sed nur en okazoj de efektiva *neceseco*; b) fari tion ĉi (post matura prijuĝado) povas ne apartaj personoj, sed nur ia centra institucio kiu havos

nedisputeblan aŭtoritatecon por la tuta esperantistaro.

Mi finas do per la jenaj vortoj :

1. pro la unueco de nia afero ĉiu bona esperantisto devas antaŭ ĉio bone koni la *fundamenton* de nia lingvo;

2. la fundamento de nia lingvo devas resti por ĉiam *netuŝebla*;

3. ĝis la tempo kiam aŭtoritata centra institucio decidos *pligrandigi* (neniam *ŝanĝi*!) la ĝisnunan fundamenton per oficialigo de novaj vortoj aŭ reguloj, ĉio bona, kio ne troviĝas en la « Fundamento de Esperanto », devas esti rigardata ne kiel deviga, sed nur kiel *rekomendata*.

La ideoj, kiujn mi supre esprimis pri la Fundamento de Esperanto, prezentas dume nur mian *privatan* opinion. Leĝan sankcion ili ricevos nur en tia okazo, se ili estos akceptitaj de la unua internacia kongreso de esperantistoj, al kiu tiu ĉi verko kune kun sia antaŭparolo estos prezentita.

L. Zamenhof.

Varsovio, Julio 1905.

# SPRAAKLEER

---

## A) ALPHABET

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **Aa,** | **Bb,** | **Cc,** | **Ĉĉ,** | **Dd,** | **Ee,** | **Ff,** |
| a | b | ts | tsj | d | e | f |
| **Gg,** | **Ĝĝ,** | **Hh,** | **Ĥĥ,** | **Ii,** | **Jj,** | **Ĵĵ,** |
| g Fransche | dzj | h | ch | i | j | j Fransche |
| **Kk,** | **Ll,** | **Mm,** | **Nn,** | **Oo,** | **Pp,** | **Rr,** |
| k | l | m | n | o | p | r |
| **Ss,** | **Ŝŝ,** | **Tt,** | **Uu,** | **Ŭŭ,** | **Vv,** | **Zz.** |
| s | sj | t | oe | korte oe | v | z |

**Aanmerking.** — De drukkerijen, die de letterteekens *ĉ*, *ĝ*, *ĥ*, *ĵ*, *ŝ*, *ŭ*, niet bezitten, mogen ze vervangen door *ch*, *gh*, *hh*, *jh*, *sh*, *u*.

## Uitspraak der letters.

| Esperanto. | Volgens het Internationaal Phonetisch Alphabet. | Uitspraak zooals in de Nederlandsche woorden : | Andere verduidelijkingen : |
|---|---|---|---|
| — | — | — | — |
| a | a | k*a*s............ | Fransche « c*a*s »; Italiaansche « f*a* » (muzieknoot). |
| b | b | *b*oter........... | |
| c | ts | fie*ts*, *Ts*aar..... | Duitsche « *z* » in « *Z*eit ». |
| ĉ | tʃ | *tsj*irpen, *Tch*eco. | Engelsche « *ch*eese ». |
| d | d | *d*apper......... | |
| e | ɛ | h*e*sp, b*e*d....... | Fransche « *e*st », « *e*spoir » Italiaansche « r*e* » (muzieknoot). |
| f | f | *f*luiten......... | Engelsche « *g*ood ». |
| g | g | *g* (van uit de keel; zachte K) | Fransche « *g*ant ». Duitsche « *g*ut ». |
| ĝ | dʒ | — ........... | West-Vlaamsche « *dj*akke » (zweep). Fransche « a*dj*udant ». Engelsche « *g*entleman », « *J*ohn ». |
| h | h | *h*uis............ | Altijd aanblazen Engelsche « *h*ouse ». Duitsche « *H*aus ». |
| ĥ | x | la*ch*en.......... | Spaansche letter « *j* » in « *j*efe ». |
| i | i | m*i*n............. | Italiaansche « m*i* » (muzieknoot). |
| j | j | *j*aar............ | |
| ĵ | ʒ | *j*alappe......... | Fransche « *J*ean », « *j*our », « *g*endarme ». |
| k | k | *k*at............. | |
| l | l | *l*epe*l*........... | |
| m | m | *m*aat........... | |
| n | n | *n*aald.......... | |
| o | ɔ | *o*rgel........... | Italiaansche « s*o*l » (muzieknoot). |
| p | p | *p*arel.......... | |
| r | r | *r*atel........... | |
| s | s | *s*i*ss*en.......... | |
| ŝ | ʃ | *sj*aal, *ch*ocolade. | Fransche « *ch*ar ». Engelsche « *sh*ip », Duitsche « *sch*iff ». |

| Esperanto. | Volgens het Internationaal Phonetisch Alphabet. | Uitspraak zooals in de Nederlandsche woorden : | Andere verduidelijkingen : |
|---|---|---|---|
| — | — | — | — |
| t | t | *tafel*........... | |
| u | u̗ | *doek*........... | Zooals « *u* » in 't Duitsch, in 't Spaansch, in 't Italiaansch. |
| ŭ | w | *lauw, leeuw*..... | Korte *oe* ; Engelsche « *well* ». |
| v | v | *leven*.......... | Fransche « *vie, voix* ». |
| z | z | *lezer*.......... | |

*De klinkers a, e, i, o* worden niet lang uitgesproken; ook niet te veel open of niet te veel gesloten.

## B) REDEDEELEN

1. — In Esperanto is er slechts één bepalend **lidwoord** (*la*) dat onveranderd blijft voor alle geslachten, getallen en naamvallen. Er is geen onbepaald lidwoord.

Aanmerking. — Het gebruik van het bepalend lidwoord is hetzelfde als in onze taal.

2. — Het **zelfstandig naamwoord** eindigt altijd op *o*. Om het meervoud te vormen voegt men *j* aan de eindletter van het enkelvoud. Er zijn slechts twee naamvallen : *nominatief* of *eerste naamval* en *accusatief* of *vierde naamval*. De accusatief of vierde naamval wordt gevormd door bijvoeging van een *n* aan den nominatief. De andere naamvallen worden gemaakt met behulp van voorzetsels : de *genitief* of *tweede naamval* met *de* (van), de *datief* of *derde naamval* met *al* (aan), de *ablatief* of *zesde naamval* met *per* (door, door middel van) of met andere voorzetsels, volgens den zin. B. v. : *la patr'o* — de vader, *al la*

*patr'o* — aan den vader, *de la patr'o* — des vaders, van den vader, *la patr'o'n* — den vader (accusatief, als voorwerp van den zin), *kun la patr'o* — met den vader, *por la patr'o* — voor den vader, *la patr'o'j'n* — de vaders (accusatief meervoud, voorwerp), enz.

3. — Het **bijvoeglijk naamwoord** of **hoedanigheidswoord** eindigt altijd op *a*. Het meervoud en de naamvallen worden gevormd zooals bij de zelfstandige naamwoorden. De *vergelijkende trap* wordt gevormd door het woord *pli* — meer, en de *overtreffende trap* door het woord *plej* — meest. Het woord « *dan* » van den vergelijkenden trap wordt vertaald door « *ol* » en « *van* » van den overtreffenden trap door « *el* » (uit). B. v. : *pli blank'a ol neĝ'o* — witter dan sneeuw, *mi hav'as la plej bel'an patr'in'o'n el ĉiu'j* — ik heb de schoonste aller moeders.

4. — De **grondtelwoorden** (grondgetallen) zijn onveranderlijk : unu (1), du (2), tri (3), kvar (4), kvin (5), ses (6), sep (7), ok (8), naŭ (9), dek (10), cent (100), mil (1 000).

De tientallen en de honderdtallen bekomt men door eenvoudige samenvoeging der tien eerste getallen, b. v. : *kvin'cent tri'dek tri* = 533.

*Rangschikkende telwoorden* vormt men door toevoeging van de uitgangsletter *a* der hoedanigheidswoorden, b. v. : *unu'a* — eerste; *du'a* — tweede: *ok'dek'kvin'a* = vijf-en-tachtigste.

*Vermenigvuldigende telwoorden*, door toevoeging van het achtervoegsel « *obl* », b. v. : « *tri'obl'a* — drievoudig.

*De breuken* door toevoeging van het achtervoegsel « *on* », b. v. : *kvar'on'o* — een kwart, *cent'on'o* — een honderdste.

*Verzamelende telwoorden* door toevoeging van het achtervoegsel « *op* » b. v. : *du'op'e* — met tweeën, met z'n tweeën, twee aan twee, *kvar'op'e* — met vieren.

*Verdeelende telwoorden* (distributieve telwoorden) door het woordje « *po* »; b. v. : *po kvin* — tegen vijf, à rato van vijf (elk).

De telwoorden kunnen ook in den vorm van naamwoord of bijwoord gebruikt worden : B. v. : *cent'o*, — een honderdtal; *du'e* — ten tweede; *unu'o* — (de) eenheid.

5. — De **persoonlijke voornaamwoorden** zijn : *mi* (ik, mij), *vi* (gij, u), *li* (hij, hem), *ŝi* (zij, haar), *ĝi* (het, hem, haar) voor dieren en zaken, *si* (zich), *ni* (wij, ons), *ili* (zij, hen, haar), *oni* (men). Om er bezittelijke bijvoeglijke voornaamwoorden van te maken voegt men er de *a* van het bijvoeglijk naamwoord bij. De naamvallen worden gevormd zooals die van de naamwoorden en de hoedanigheidswoorden. B. v. : *mi'n* — mij, me (accusatief of vierde naamval); *mi'a* (mijn); *la vi'a'j* (de uwe-n).

6. — Het **werkwoord** ondergaat geen verandering, noch voor de personen, noch voor de getallen. B. v. : *mi far'as* — ik maak (doe); *la patr'o far'as* — de vader maakt (doet); *ili far'as* — zij maken (doen).

**Vormen van het werkwoord :**

a) De *tegenwoordige tijd* gaat uit op *as*; *mi far'as* — ik maak (doe).

b) De *verleden tijd*, op *is* : *vi far'is* — gij maaktet, gij deedt, gij hebt gemaakt, gij hebt gedaan.

c) De *toekomende tijd*, op *os* : *ili far'os* — zij zullen maken, zij zullen doen.

ĉ) De *voorwaardelijke wijze*, op *us* : *ŝi far'us* — zij zou maken, zij zou doen.

d) De *gebiedende wijze*, op *u* : *far'u* — maak, maakt, doe, doet, *ni far'u* — maken wij, laat ons maken, doen wij, laat ons doen.

e) De *noemvorm* of *onbepaalde wijze*, op *i* : *far'i* — maken, doen.

f) Het *bedrijvend tegenwoordig deelwoord*, op *ant* : *far'ant'a* makend (aan het maken), doende, *far'ant'e* : al makende, al doende.

g) Het *bedrijvend verleden deelwoord*, op *int* : *far'int'a*, gemaakt, gedaan — gemaakt hebbend, gedaan hebbend.

ĝ) Het *bedrijvend toekomend deelwoord*, op *ont* : *far'ont'a*, moetende, zullende maken, of doen, die zal maken of doen.

h) Het *lijdend tegenwoordig deelwoord*, op *at* : *far'at'a*, gemaakt of gedaan wordend, wat wordt volledig gemaakt of gedaan.

ĥ) Het *lijdend verleden deelwoord*, op *it* : *far'it'a*, gemaakt of gedaan geworden — wat volledig gemaakt of gedaan is.

i) Het *lijdend toekomend deelwoord*, op *ot* : *far'ot'a*, moetende (zullende) gemaakt of gedaan worden-wat zal gemaakt of gedaan worden.

Alle lijdende vormen worden samengesteld uit den gepasten vorm van het werkwoord *est'* (zijn) en het lijdend deelwoord van het betreffend werkwoord, waarbij dan het voorzetsel *de* (voor ons voorzetsel « door ») gebruikt wordt; b. v. : *ŝi est'as am'at'a de ĉiu'j* — zij wordt door allen bemind (de handeling

gebeurt). *La pord'o est'as ferm'it'a* — de deur is gesloten (de handeling is gedaan).

7. — Het **bijwoord** eindigt altijd op *e*. De trappen van vergelijking worden aangeduid op dezelfde wijze als bij de bijvoeglijke voornaamwoorden of hoedanigheidswoorden.

B. v. : *mi'a frat'o pli bon'e kant'as ol mi* — mijn broeder zingt beter dan ik.

8. — Alle **voorzetsels** regeeren den nominatief of eersten naamval.

## C) ALGEMEENE REGELS

9. — Elk woord moet uitgesproken worden juist zooals het geschreven is; er zijn geen stomme of klanklooze letters.

10. — De klemtoon valt altijd op de voorlaatste lettergreep.

11. — Samengestelde woorden maakt men door eenvoudige samenvoeging der stammen waaruit ze bestaan. Men scheidt de verschillende samenstellende elementen door middel van kleine streepjes (afkappingsteekens) (1). Het grondwoord komt altijd achteraan. De spraakkundige uitgangen worden aanzien als zelfstandige woorden. B. v. : *Vapor'ŝip'o* (stoomschip) wordt samengesteld uit : *Vapor'* — stoom, *ŝip'* — schip, *o*, uitgang van het zelfstandig naamwoord.

(1) In brieven of werken bestemd voor personen, die de taal reeds kennen, mag men die streepjes weglaten. — Zij hebben slechts ten doel, zonder eenige voorafgaande studie van de spraakkunst en met het uitsluitend gebruik van het woordenboek, de juiste beteekenis van alle samenstellende elementen te vinden, om alzoo de geheele beteekenis van het woord te bekomen.

12. — Wanneer in den zin een ontkennend woord voorkomt, valt het ontkennend woordje « *ne* » weg. — B. v. : *Mi neniam vid'is* — Ik heb nooit gezien.

13. — Indien het woord de plaats aanduidt waarheen de handeling zich richt (antwoord op de vraag « waarheen? »), neemt het den uitgang van den accusatief of vierden naamval aan. B. v. : *tie*, daar; *tien*, daarheen; *kie vi est'as*? — waar zijt gij? — *kie'n vi ir'as*? — waarheen gaat gij?; *Mi ir'as Pariz'o'n* — Ik ga naar Parijs.

14. — Elk voorzetsel heeft een vaste en wel bepaalde beteekenis. Wanneer het uit den zin van de bepaling niet duidelijk te zien is, welk voorzetsel gebruikt moet worden, dan wordt het voorzetsel « *je* » genomen dat geen zelfstandige beteekenis heeft. B. v. : *ĝoj'i je tio* — er zich over verheugen; *ridi je tio* — er om lachen; *je vi'a san'o* — op uwe gezondheid.

Dit geeft hoegenaamd geen aanleiding tot onduidelijkheid. In andere talen gebruikt men, in zulke twijfelachtige gevallen, een of ander door het gebruik « aangenomen » voorzetsel. Het Esperanto bezit te dien einde het eenig voorzetsel « *je* ».

Wanneer er geen dubbelzinnigheid te vreezen is, kan het voorzetsel « je » in vele gevallen vervangen worden door den accusatief of vierden naamval.

15. — De zoogenaamde « vreemde » woorden, d. w. z. die, welke de meeste talen aan dezelfde bron ontleend hebben, ondergaan geen verandering in Esperanto. Zij nemen slechts de internationale schrijfwijze aan alsook de spraakkundige uitgangen van de taal. Bij verschillende woorden, die een gemeenschappelijken wortel hebben, is het beter,

alleen het grondwoord onveranderd te gebruiken en de afgeleide woorden te vormen volgens de regels der internationale taal. B. v. : *teatr'o* (theater), *teatr'a* (theatraal) — (niet « teatrala ») enz.

16. — Ter wille van de welluidendheid mag men soms de *a* van het lidwoord en den uitgang *o* van het zelfstandig naamwoord laten wegvallen; in zulke gevallen wordt de weggelaten letter vervangen door een afkappingsteeken. B. v. : *dom'* in plaats van *dom'o*; *de l'mond'o* in plaats van *de la mond'o*.

## § 1.

### Alfabeto.

Aa, Bb, Cc, Ĉĉ, Dd, Ee, Ff, Gg, Ĝĝ, Hh, Ĥĥ, Ii, Jj, Ĵĵ, Kk, Ll, Mm, Nn, Oo, Pp, Rr, Ss, Ŝŝ, Tt, Uu, Ŭŭ, Vv, Zz

*Aa, Bb, Cc, Ĉĉ, Dd, Ee, Ff, Gg, Ĝĝ, Hh, Ĥĥ, Ii, Jj, Ĵĵ, Kk, Ll, Mm, Nn, Oo, Pp, Rr, Ss, Ŝŝ, Tt, Uu, Ŭŭ, Vv, Zz.*

**Nomoj de la literoj** : a, bo, co, ĉo, do, e, fo, go, ĝo, ho, ĥo, i, jo, ĵo, ko, lo, mo, no, o, po, ro, so, ŝo, to, u, ŭo, vo, zo.

## § 2.

### Ekzerco de legado.

Al. Bá-lo. Pát-ro. Nú-bo. Cé-lo. Ci-tró-no. Cén-to. Sén-to. Scé-no. Scí-o. Có-lo. Kó-lo. O-fi-cí-ro. Fa-cí-la. Lá-ca. Pa-cú-lo. Ĉar. Ĉe-mí-zo. Ĉi-ká-no. Ĉi-é-lo. Ĉu. Fe-lí-ĉa. Cí-a. Ĉí-a. Pro-cé-so. Sen-ĉé-sa. Ec.

Eĉ. Ek. Da. Lú-do. Den-to. Pléndi. El. En. De. Té-ni. Sen. Vé-ro. Fá-li. Fi-dé-la. Trá-fi. Gá-lo. Grán-da. Gén-to. Gíp-so. Gús-to. Lé-gi. Pá-go. Pá-ĝo. Lé-ĝo. Ĝis. Ĝús-ta. Ré-ĝi. Ĝar-dé-no. Lón-ga. Rég-no. Síg-ni. Gvar-dí-o. Lín-gvo. Ĝu-á-do. Há-ro. Hi-rún-do. Há-ki. Ne-hé-la. Pac-hó-ro. Ses-hó-ra. Bat-hú-fo. Hó-ro. Ĥó-ro. Kó-ro. Ĥo-lé-ro. Ĥe-mí-o. I-mí-ti. Fí-lo. Bír-do. Tró-vi. Prin-tém-po. Min. Fo-í-ro. Fe-í-no. Í-el. Í-am. Í-u. Jam. Ju. Jes. Ju-rís-to. Kra-jó-no. Ma-jés-ta. Tuj. Dó-moj. Ru-í-no. Prúj-no. Ba-lá-i. Pá-laj. De-í-no. Véj-no. Pe-ré-i. Mál-plej. Jús-ta. Ĵus. Ĵé-ti. Ĵa-lú-za. Ĵur-ná-lo. Má-jo. Bo-ná-ĵo. Ká-po. Ma-kú-lo. Kés-to. Su-ké-ro. Ák-vo. Ko-ké-to. Li-kvó-ro. Pac-ká-po.

§ 3.

## Ekzerco de legado.

Lá-vi. Le-ví-lo. Pa-ró-li. Mem. Im-plí-ki. Em-ba-rá-so. Nó-mo. In-di-fe-rén-ta. In-ter-na-cí-a. Ol. He-ró-i. He-ro-í-no. Fój-no. Pí-a. Pál-pi. Ri-pé-ti. Ar-bá-ro. Sá-ma. Stá-ri. Si-gé-lo. Sis-té-mo. Pe-sí-lo. Pe-zí-lo. Sén-ti. So-fís-mo. Ci-pré-so. Ŝi. Pá-ŝo. Stá-lo. Ŝtá-lo. Vés-to. Véŝ-to. Dis-ŝí-ri. Ŝan-cé-li. Ta-pí-ŝo. Te-o-rí-o. Pa-tén-to. U-tí-la. Ún-go. Plú-mo. Tu-múl-to. Plu. Lú-i. Kí-u. Ba-lá-u. Tra-ú-lo. Pe-ré-u. Ne-ú-lo. Fráŭ-lo. Paŭ-lí-no. Láŭ-di. Eŭ-ró-po. Tro-ú-zi. Ho-dí-aŭ. Vá-na. Vér-so. Sól-vi. Zór-gi. Ze-ní-to. Zo-o-lo-gí-o. A-zé-no. Me-zú-ro. Ná-zo. Tre-zó-ro. Mez-nók-to. Zú-mo. Sú-mo. Zó-no. Só-no. Pé-zo. Pé-co. Pé-so. Ne-ní-o. A-dí-aŭ. Fi-zí-ko. Ge-o-gra-fí-o. Spi-rí-to. Lip-há-ro. In-díg-ni. Ne-ní-el. Spe-gú-lo. Spí-no Ŝpí-no. Né-i. Ré-e. He-ró-o. Kon-scí-i. Tra-e-té-ra

He-ro-é-to. Lú-e. Mó-le. Pa-le. Tra-í-re. Pa-sí-e. Me-tí-o. In-ĝe-ni-é-ro. In-sék-to. Re-sér-vi. Re-zér-vi

§ 4.

## Ekzerco de legado.

Citrono. Cento. Sceno. Scio. Balau. Ŝanceli. Neniel. Embaraso. Zoologio. Reservi. Traire. Hodiaŭ. Disŝiri. Neulo. Majesta. Packapo. Heroino. Pezo. Internacia. Seshora. Cipreso. Stalo. Feino. Plu. Sukero. Gento. Indigni. Sigelo. Krajono. Ruino. Pesilo. Lipharo. Metio. Ĝardeno. Sono. Laŭdi. Pale. Facila. Insekto. Kiu. Zorgi. Ĉikano. Traetera. Sofismo. Domoj. Spino. Majo. Signi. Ec. Bonaĵo. Legi. Iel. Juristo. Ĉielo. Ĥemio.

§ 5.

Patro kaj frato. — Leono estas besto. — Rozo estas floro kaj kolombo estas birdo. — La rozo apartenas al Teodoro. — La suno brilas. — La patro estas sana. — La patro estas tajloro.

**patro**, vader.
**o**, uitgang van het zelfstandig naamwoord (substantief).
**kaj**, en.
**frato**, broeder.
**leono**, leeuw.
**esti**, zijn.
**as**, uitgang van den tegenwoordigen tijd der werkwoorden.
**besto**, beest, dier.
**rozo**, roos.
**floro**, bloem (plant).
**kolombo**, duif.
**birdo**, vogel.
**la**, bepalend lidwoord : de, het.
**aparteni**, (toe) behooren.
**al**, aan, naar, vervangt den 3n naamval (datief).
**suno**, zon.
**brili**, glanzen, blinken, schijnen.
**sana**, gezond.
**a**, uitgang van het bijvoeglijk naamwoord of hoedanigheidswoord (adjectief)
**tajloro**, kleermaker.

§ 6.

Infano ne estas matura homo. — La infano jam ne ploras. — La ĉielo estas blua. — Kie estas la libro kaj la krajono? — La libro estas sur la tablo, kaj la krajono kuŝas sur la fenestro. — Sur la fenestro kuŝas krajono kaj plumo. — Jen estas pomo. — Jen estas la pomo, kiun mi trovis. — Sur la tero kuŝas ŝtono

**infano**, kind.
**ne**, neen, niet, geen.
**matura**, rijp, volwassen.
**homo**, mensch.
**jam**, reeds.
**plori**, weenen, schreien.
**ĉielo**, hemel.
**blua**, blauw.
**kie**, waar.
**libro**, boek.
**krajono**, potlood.
**sur**, op.
**tablo**, tafel.
**kuŝi**, liggen.
**fenestro**, venster.
**plumo**, pen, pluim, veder.
**jen**, ziehier, ziedaar.
**pomo**, appel.
**kiu**, wie, welk (e).
**n**, uitgang van den accusatief of vierden naamval, of van het voorwerp van den zin.
**mi**, ik, mij.
**trovi**, vinden.
**is**, uitgang van den verleden tijd der werkwoorden.
**tero**, aarde.
**ŝtono**, steen.

§ 7.

Leono estas forta. — La dentoj de leono estas akraj. — Al leono ne donu la manon. — Mi vidas leonon. — Resti kun leono estas danĝere. — Kiu kuraĝas rajdi sur leono? — Mi parolas pri leono.

**forta**, sterk, krachtig.
**dento**, tand.
**j**, uitgang van het meervoud.
**de**, van, vanaf (bezit en vertrekpunt), door (bij lijdenden vorm van het deelwoord).
**akra**, scherp.
**doni**, geven.
**u**, uitgang van de gebiedende en bijvoeglijke wijzen der werkwoorden.
**mano**, hand.
**vidi**, zien.

**resti**, blijven.
**kun**, met, mede.
**danĝero**, gevaar.
**e**, uitgang van het bijwoord (adverbum).
**kuraĝa**, moedig, koen, dapper.
**rajdi**, paard rijden.
**i**, uitgang van den noemvorm (onbepaalde wijze) der werkwoorden.
**paroli**, spreken.
**pri**, betreffende, nopens, over.

## § 8.

La patro estas bona. — Jen kuŝas la ĉapelo de la patro. — Diru al la patro, ke mi estas diligenta. — Mi amas la patron. — Venu kune kun la patro. — La filo staras apud la patro. — La mano de Johano estas pura. — Mi konas Johanon. — Ludoviko, donu al mi panon. — Mi manĝas per la buŝo kaj flaras per la nazo. — Antaŭ la domo staras arbo. — La patro estas en la ĉambro.

**bona**, goed.
**ĉapelo**, hoed.
**diri**, zeggen.
**ke**, dat (voegwoord).
**diligenta**, vlijtig, ijverig.
**ami**, beminnen.
**veni**, komen.
**kune**, te zamen, samen.
**filo**, zoon.
**stari**, staan.
**apud**, nabij.
**pura**, zuiver, louter, rein.
**koni**, kennen.
**pano**, brood.
**manĝi**, eten.
**per**, met, door middel van, bij middel van, door.
**buŝo**, mond.
**flari**, ruiken, snuiven.
**nazo**, neus.
**antaŭ**, voor (tijd en plaats).
**domo**, huis.
**arbo**, boom.
**ĉambro**, kamer.

## § 9.

La birdoj flugas. — La kanto de la birdoj estas agrabla. — Donu al la birdoj akvon, ĉar ili volas trinki. — La knabo forpelis la birdojn. — Ni vidas per la okuloj kaj aŭdas per la oreloj. — Bonaj infanoj lernas diligente. — Aleksandro ne volas lerni, kaj

tial mi batas Aleksandron. — De la patro mi ricevis libron, kaj de la frato mi ricevis plumon. — Mi venas de la avo, kaj mi iras nun al la onklo. — Mi legas libron. — La patro ne legas libron, sed li skribas leteron.

**flugi**, vliegen.
**kanti**, zingen.
**agrabla**, aangenaam.
**akvo**, water.
**ĉar**, want, wijl, omdat.
**ili**, zij (meervoud) hen, haar.
**voli**, willen.
**trinki**, drinken.
**knabo**, knaap, jongen.
**for**, weg, ver.
**peli**, verdrijven, verjagen.
**ni**, wij, ons.
**okulo**, oog.
**aŭdi**, hooren.
**orelo**, oor.
**lerni**, leeren.
**tial**, daarom.
**bati**, slaan.
**ricevi**, ontvangen, bekomen, krijgen.
**avo**, grootvader.
**iri**, gaan.
**nun**, nu.
**onklo**, oom.
**legi**, lezen.
**sed**, maar, doch.
**li**, hij, hem.
**skribi**, schrijven.
**letero**, brief.

§ 10.

Papero estas blanka. — Blanka papero kuŝas sur la tablo. — La blanka papero jam ne kuŝas sur la tablo. — Jen estas la kajero de la juna fraŭlino. — La patro donis al mi dolĉan pomon. — Rakontu al mia juna amiko belan historion. — Mi ne amas obstinajn homojn. — Mi deziras al vi bonan tagon, sinjoro! — Bonan matenon! — Ĝojan feston! (mi deziras al vi). — Kia ĝoja festo! (estas hodiaŭ). — Sur la ĉielo staras la bela suno. — En la tago ni vidas la helan sunon, kaj en la nokto ni vidas la palan lunon kaj la belajn stelojn. — La papero estas tre blanka, sed la neĝo estas pli blanka. — Lakto estas pli nutra, ol vino. — Mi havas pli freŝan panon, ol vi. — Ne, vi eraras, sinjoro : via pano estas malpli freŝa, ol mia.

— El ĉiuj miaj infanoj Ernesto estas la plej juna. — Mi estas tiel forta, kiel vi. — El ĉiuj siaj fratoj Antono estas la malplej saĝa

**papero**, papier.
**blanka**, wit.
**kajero**, schrijfboek, aflevering.
**juna**, jong.
**fraŭlo**, jonkman, vrijgezel.
**in**, kenmerkt het vrouwelijk geslacht; b.v.: *patro* vader, *patrino* moeder.
**fraŭlino**, juffer, jonge dochter.
**dolĉa**, zacht, zoet.
**rakonti**, vertellen, verhalen.
**mia**, mijn (bezittelijk voornaamwoord).
**amiko**, vriend.
**bela**, schoon, mooi.
**historio**, geschiedenis.
**obstina**, koppig, halsstarrig, eigenzinnig.
**deziri**, wenschen.
**vi**, gij, u.
**tago**, dag.
**sinjoro**, heer, mijnheer.
**mateno**, morgen (vroeg), ochtend.
**ĝoji**, zich verheugen.
**festi**, feesten, feest vieren.
**kia**, welk, wat voor een.
**hodiaŭ**, heden, vandaag.
**en**, in.
**hela**, klaar, helder.
**nokto**, nacht.
**pala**, bleek.
**luno**, maan.
**stelo**, ster.
**neĝo**, sneeuw.
**pli**, meer.
**lakto**, melk.
**nutri**, voeden.
**ol**, dan (bij een vergelijking).
**vino**, wijn.
**havi**, hebben.
**freŝa**, frisch, versch.
**erari**, zich vergissen, in dwaling verkeeren, dwalen.
**mal**, kenmerkt het tegenovergestelde; b. v. : *bona* goed, *malbona* slecht; *estimi* achten, *malestimi* verachten.
**el**, uit.
**ĉiu**, elk, ieder, iedereen.
**ĉiuj**, allen.
**plej**, het meest.
**tiel**, zoo (danig), derwijze, op die —, op zulke wijze.
**kiel**, hoe (danig), (zoo) als, op welke wijze.
**si**, zich (zelf).
**sia**, zijn, haar, hun, van zich (zelf). Wordt gebruikt wanneer de bezitter van den derden persoon enkel of meervoud is, en onderwerp van den zin.
**saĝa**, wijs, verstandig.

## § 11.

### La feino.

Unu vidvino havis du filinojn. La pli maljuna estis tiel simila al la patrino per sia karaktero kaj vizaĝo,

ke ĉiu, kiu ŝin vidis, povis pensi, ke li vidas la patrinon; ili ambaŭ estis tiel malagrablaj kaj tiel fieraj, ke oni ne povis vivi kun ili. La pli juna filino, kiu estis la plena portreto de sia patro laŭ sia boneco kaj honesteco, estis krom tio unu el la plej belaj knabinoj, kiujn oni povis trovi.

**feino**, fee, toovergodin.
**unu**, één (1).
**vidvo**, weduwnaar.
**du**, twee (2).
**simila**, gelijkend.
**karaktero**, karakter, inborst.
**vizaĝo**, gelaat, aangezicht.
**povi**, kunnen.
**pensi**, denken.
**ambaŭ**, beide.
**fiera**, fier, trotsch.
**oni**, men.
**vivi**, leven.
**plena**, vol.
**portreto**, portret, afbeeldsel.
**laŭ**, volgens, naar (gelang).
**ec**, kenmerkt de afgetrokken of abstracte hoedanigheid (eigenschap): b. v. : *bona* goed, *boneco* goedheid; *viro* man, *vireco* mannelijkheid.
**honesta**, eerlijk, billijk.
**krom**, behalve, uitgezonderd.
**tio**, dat, datgene, het gindsche.

§ 12.

Du homoj povas pli multe fari ol unu. — Mi havas nur unu buŝon, sed mi havas du orelojn. — Li promenas kun tri hundoj. — Li faris ĉion per la dek fingroj de siaj manoj. — El ŝiaj multaj infanoj unuj estas bonaj kaj aliaj estas malbonaj. — Kvin kaj sep faras dek du. — Dek kaj dek faras dudek. — Kvar kaj dek ok faras dudek du. — Tridek kaj kvardek kvin faras sepdek kvin. — Mil okcent naŭdek tri. — Li havas dek unu infanojn. — Sesdek minutoj faras unu horon, kaj unu minuto konsistas el sesdek sekundoj. — Januaro estas la unua monato de la jaro, Aprilo estas la kvara, Novembro estas la dek-unua, Decembro estas la dek-dua. — La dudeka (tago) de Februaro estas la kvindek-unua tago de la jaro. — La sepan tagon de

la semajno Dio elektis, ke ĝi estu pli sankta, ol la ses unuaj tagoj. — Kion Dio kreis en la sesa tago? — Kiun daton ni havas hodiaŭ? — Hodiaŭ estas la dudek-sepa (tago) de Marto — Georgo Vaŝington estis naskita la dudek-duan de Februaro de la jaro mil-sepcent-tridek-dua.

**multe**, veel.
**fari**, maken, doen.
**nur**, slechts, alleenlijk.
**promeni**, wandelen.
**tri**, drie (3).
**hundo**, hond.
**ĉio**, alles.
**dek**, tien (10).
**fingro**, vinger.
**alia**, ander.
**kvin**, vijf (5).
**sep**, zeven (7).
**kvar**, vier (4).
**ok**, acht (8).
**mil**, duizend (1 000).
**cent**, honderd (100).
**naŭ**, negen (9).
**ses**, zes (6).
**minuto**, minuut.
**horo**, uur.
**konsisti**, bestaan (uit).
**sekundo**, seconde.
**Januaro**, Januari.
**monato**, maand.
**jaro**, jaar.
**Aprilo**, April.
**Novembro**, November.
**Decembro**, December.
**Februaro**, Februari.
**semajno**, week.
**Dio**, God.
**elekti**, (uit) kiezen.
**ĝi**, het.
**sankta**, heilig.
**krei**, scheppen.
**dato**, datum.
**Marto**, Maart.
**naski**, baren, ter wereld brengen.
**it**, uitgang van het lijdend verleden deelwoord.

## § 13.

### **La feino.** (Daŭrigo.)

Ĉar ĉiu amas ordinare personon, kiu estas simila al li, tial tiu ĉi patrino varmege amis sian pli maljunan filinon, kaj en tiu sama tempo ŝi havis teruran malamon kontraŭ la pli juna. Ŝi devigis ŝin manĝi en la kuirejo kaj laboradi senĉese. Inter aliaj aferoj tiu ĉi malfeliĉa infano devis du fojojn en ĉiu tago iri

ĉerpi akvon en tre malproksima loko kaj alporti domen plenan grandan kruĉon.

**daŭri**, duren.
**ig**, doen of maken....
**ordinara**, gewoon, alledaagsch.
**persono**, persoon.
**tiu**, die, dat, gindsch.
**ĉi**, kenmerkt de nabijheid; b. v. : *tiu*, die, dat, *tiu ĉi* — deze, dit; *tie* daar, *tie ĉi* — hier.
**varma**, warm.
**eg**, kenmerkt vergrooting van begrip, hoogste graad; b. v. : *pordo* deur — *pordego* poort; *peti* verzoeken — *petegi* smeeken.
**sama**, zelfde.
**tempo**, tijd.
**teruro**, schrik, ontzetting.
**kontraŭ**, tegen, tegenover,
**devi**, moeten.
**kuiri**, koken.
**ej**, kenmerkt de plaats bestemd tot...; b. v. : *preĝi*, bidden — *preĝejo*, kerk; *kuiri*, koken, *kuirejo*, keuken.
**labori**, werken.
**ad**, duidt aan den duur eener handeling; b. v. : *pafo*, schot — *pafado*, het schieten.
**sen**, zonder.
**ĉesi**, ophouden.
**inter**, tusschen.
**afero**, zaak, aangelegenheid
**feliĉa**, gelukkig.
**fojo**, maal, keer.
**ĉerpi**, putten, (uit)scheppen.
**tre**, zeer.
**proksima**, aanstaand, nabij, dichtbij.
**loko**, plaats, oord.
**porti**, dragen.
**n**, kenmerk van den accusatief of vierden naamval (voorwerp van den zin) of van de plaats waarheen men gaat, waarheen een handeling zich richt.
**kruĉo**, kruik, kan.

## § 14.

Mi havas cent pomojn. — Mi havas centon da pomoj. — Tiu ĉi urbo havas milionon da loĝantoj. — Mi aĉetis dekduon (aŭ dek-duon) da kuleroj kaj du dekduojn da forkoj. — Mil jaroj (aŭ milo da jaroj) faras miljaron. — Unue mi redonas al vi la monon, kiun vi pruntis al mi; due mi dankas vin por la prunto; trie mi petas vin ankaŭ poste prunti al mi, kiam mi bezonos monon. — Por ĉiu tago mi ricevas kvin frankojn, sed por la hodiaŭa tago mi ricevis duoblan pagon, t. e. (= tio estas) dek frankojn. —

Kvinoble sep estas tridek kvin. — Tri estas duono de ses. — Ok estas kvar kvinonoj de dek. — Kvar metroj da tiu ĉi ŝtofo kostas naŭ frankojn; tial du metroj kostas kvar kaj duonon frankojn (aŭ da frankoj). — Unu tago estas tricent-sesdek-kvinono aŭ tricent-sesdek-sesono de jaro. — Tiuj ĉi du amikoj promenas ĉiam duope. — Kvinope ili sin ĵetis sur min, sed mi venkis ĉiujn kvin atakantojn. — Por miaj kvar infanoj mi aĉetis dek du pomojn, kaj al ĉiu el la infanoj mi donis po tri pomoj. — Tiu ĉi libro havas sesdek paĝojn; tial, se mi legos en ĉiu tago po dek kvin paĝoj, mi finos la tutan libron en kvar tagoj.

**on**, kenmerkt de verdeelende telwoorden of breuken; b. v. : *kvar* — vier, *kvarono*, het kwart, vierde.
**da**, wordt gebruikt na woorden die een maat, gewicht of hoeveelheid aanduiden (het Fransche « article partitif » de).
**urbo**, stad.
**loĝi**, wonen.
**ant**, uitgang van het bedrijvend tegenwoordig deelwoord.
**aĉeti**, koopen.
**aŭ**, of.
**kulero**, lepel.
**forko**, vork.
**re**, opnieuw, terug, weder (om), nog eens.
**mono**, geld.
**prunti**, leenen.
**danki** (be) danken.
**por**, voor, ten voordeele van, om te.
**peti**, verzoeken.
**ankaŭ**, ook, tevens.
**post**, na, daarna.
**kiam**, wanneer.
**bezoni**, noodig hebben.
**obl**, kenmerkt het vermenigvuldigend telwoord; b. v. : *du*, twee — *duobla*, dubbel.
**pagi**, betalen.
**ŝtofo**, stof (voor kleeding).
**kosti**, kosten.
**ĉiam**, altijd, immer.
**op**, kenmerk van de verzamelende telwoorden; b. v. : *du* twee, *duope* met twee of getweeën.
**ĵeti**, werpen, slingeren, gooien.
**venki**, overwinnen.
**ataki**, aanvallen.
**paĝo**, bladzijde.
**se**, indien, als.
**fini**, eindigen, afmaken.
**tuta**, geheel, gansch.

## § 15.

### **La feino.** (Daŭrigo.)

En unu tago, kiam ŝi estis apud tiu fonto, venis al ŝi malriĉa virino, kiu petis ŝin, ke ŝi donu al ŝi trinki. « Tre volonte, mia bona », diris la bela knabino. Kaj ŝi tuj lavis sian kruĉon kaj ĉerpis akvon en la plej pura loko de la fonto kaj alportis al la virino, ĉiam subtenante la kruĉon, por ke la virino povu trinki pli oportune. Kiam la bona virino trankviligis sian soifon, ŝi diris al la knabino : « Vi estas tiel bela, tiel bona kaj tiel honesta, ke mi devas fari al vi donacon » (ĉar tio ĉi estis feino, kiu prenis sur sin la formon de malriĉa vilaĝa virino, por vidi, kiel granda estos la ĝentileco de tiu ĉi juna knabino). « Mi faras al vi donacon », daŭrigis la feino, « ke ĉe ĉiu vorto, kiun vi diros, el via buŝo eliros aŭ floro aŭ multekosta ŝtono ».

**fonto**, bron, put.
**rica**, rijk.
**viro**, man.
**volonte**, gaarne.
**tuj**, dadelijk.
**lavi**, wasschen.
**sub**, onder.
**teni**, houden.
**oportuna**, geschikt, gemakkelijk, van pas.
**trankvila**, rustig, kalm, bedaard.
**soifi**, dorsten, dorst hebben.
**donaci**, ten geschenke geven.
**pr eni**, nemen.
**formo**, vorm.
**vilaĝo**, dorp.
**ĝentila**, beleefd, hoffelijk.
**ĉe**, bij.

## § 16.

Mi legas. — Ci skribas (anstataŭ « ci » oni uzas ordinare « vi »). — Li estas knabo, kaj ŝi estas knabino. — La tranĉilo tranĉas bone, ĉar ĝi estas akra. — Ni estas homoj. — Vi estas infanoj. — Ili estas

rusoj. — Kie estas la knaboj? — Ili estas en la ĝardeno. — Kie estas la knabinoj? — Ili ankaŭ estas en la ĝardeno. — Kie estas la tranĉiloj? — Ili kuŝas sur la tablo. — Mi vokas la knabon, kaj li venas. — Mi vokas la knabinon, kaj ŝi venas. — La infano ploras, ĉar ĝi volas manĝi. — La infanoj ploras, ĉar ili volas manĝi. — Knabo, vi estas neĝentila. — Sinjoro, vi estas neĝentila. — Sinjoroj, vi estas neĝentilaj. — Mia hundo, vi estas tre fidela. — Oni diras, ke la vero ĉiam venkas. — En la vintro oni hejtas la fornojn. — Kiam oni estas riĉa (aŭ riĉaj), oni havas multajn amikojn.

ci, gij, jij, je.
anstataŭ, in plaats van, instede van.
uzi, gebruiken.
tranĉi, snijden.
il, kenmerkt het werktuig, instrument.
ruso, Rus.
ĝardeno, hof, tuin.
voki, roepen.
voli, willen.
fidela, (ge) trouw.
vero, waarheid.
vintro, winter.
hejti, heet maken, stoken.
forno, kachel, oven, fornuis.

§ 17.

**La feino.** (Daŭrigo.)

Kiam tiu ĉi bela knabino venis domen, ŝia patrino insultis ŝin, kial ŝi revenis tiel malfrue de la fonto. « Pardonu al mi, patrino », diris la malfeliĉa knabino, « ke mi restis tiel longe ». Kaj kiam ŝi parolis tiujn ĉi vortojn, elsaltis el ŝia buŝo tri rozoj, tri perloj kaj tri grandaj diamantoj. « Kion mi vidas! » diris ŝia patrino kun grandega miro. « Ŝajnas al mi, ke el ŝia buŝo elsaltas perloj kaj diamantoj! De kio tio ĉi venas, mia filino? » (Tio ĉi estis la unua fojo, ke ŝi nomis ŝin sia filino.) La malfeliĉa infano rakontis al ŝi naive ĉion, kio okazis al ŝi, kaj, dum ŝi parolis, elfalis e

ŝia buŝo multego da diamantoj. « Se estas tiel », diris la patrino, « mi devas tien sendi mian filinon. Marinjo, rigardu, kio eliras el la buŝo de via fratino, kiam ŝi parolas; ĉu ne estus al vi agrable havi tian saman kapablon? Vi devas nur iri al la fonto ĉerpi akvon; kaj kiam malriĉa virino petos de vi trinki, vi donos ĝin al ŝi ĝentile. »

**insulti**, schimpen, schelden.
**kial**, waarom, om welke reden.
**frue**, vroeg (tijdig).
**pardoni**, vergeven.
**longa**, lang.
**salti**, springen.
**perlo**, parel, perel.
**granda**, groot.
**diamanto**, diamant.
**miri**, zich verwonderen.
**ŝajni**, schijnen, lijken.
**nomi**, noemen.
**naiva**, naïef, ongekunsteld.
**okazi**, gebeuren, plaats hebben.
**dum**, gedurende, terwijl.
**sendi**, zenden.
**kapabla**, bekwaam.

§ 18.

Li amas min, sed mi lin ne amas. — Mi volis lin bati, sed li forkuris de mi. — Diru al mi vian nomon. — Ne skribu al mi tiajn longajn leterojn. — Venu al mi hodiaŭ vespere. — Mi rakontos al vi historion. — Ĉu vi diros al mi la veron? — La domo apartenas al li. — Li estas mia onklo, ĉar mia patro estas lia frato. — Sinjoro Petro kaj lia edzino tre amas miajn infanojn; mi ankaŭ tre amas iliajn (infanojn). — Montru al ili vian novan veston. — Mi amas min mem, vi amas vin mem, li amas sin mem, kaj ĉiu homo amas sin mem. — Mia frato diris al Stefano, ke li amas lin pli, ol sin mem. — Mi zorgas pri ŝi tiel, kiel mi zorgas pri mi mem; sed ŝi mem tute ne zorgas pri si kaj tute sin ne gardas. — Miaj fratoj havis hodiaŭ gastojn; post la vespermanĝo niaj fratoj eliris kun la gastoj el sia domo kaj akompanis ilin ĝis ilia domo. — Mi jam

